| 3me Année, N° 34. Juin 1905. | 3a Jaro, 34a Numero. Junio 1905. | 3e Jaar, Nr 34. Juni 1905. |
|---|---|---|

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.






JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

## Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro

**Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.** | **Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL: | KOSTO DE LA JARA ABONO: | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS: |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique; | 2.50 fr. en Belgujo; | 2.50 fr. voor België; |
| 3.00 fr. pour l'étranger. | 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. | 3.00 fr. voor den vreemde. |
| 5.00 fr. (minimum): abonnement de protecteur. | 5.00 fr. (almenaŭ): protektanta abonanto. | 5.00 fr. (ten minste): inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro: 0,25 fr.** | **Unu numero: 0,25 fr.** | **Het nummer: 0,25 fr.** |


La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.




A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.

DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## PRINCIPAUX JOURNAUX ESPÉRANTISTES RÉGULIERS.

### Bijzonderste regelmatige esperantische dagbladen.

**Lingvo Internacia**, gazette bi-mensuelle (*tweemaandelijksch blad*), abonnement sans supplément, 5.00 fr. par an (*inschrijving zonder bijvoegsel, 5.00 fr. 's jaars*); abonnement avec supplément littéraire, 7.50 fr. par an (*inschrijving met letterkundig bijvoegsel, 7.50 fr. 's jaars*). Presa Esperantista Societo 33, rue Lacépède, Paris V[ème].

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4 00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij*.) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) M[r] Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) M[r] Ant. Alvarado, str. Lartiga n[o] 106[a] Lima, Pérou.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), M[r] H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C London, England & M. Seynaeve, Heule lez Courtrai. Un numero : 40 C[mes].

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). M[r] H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & C[ie], 79, B[d] S[t] Germain, Paris.

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), D[ro] A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1905 (*3.00 fr. voor 1905*), M[r] Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**La Suno Hispana** fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). M. Augusto Jimenez Loira, Carniceros, 3 Valencia, Espagne.

**Germana Esperantisto** fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Allemagne.

**The British Esperantist**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). M[r] H. Cleeg, 13, Arundelstreet, Strand. London.

**La Alĝera Stelo**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). M[r] Louis Landes, 57, rue d'Isly, Alger.

**Esperanto**, fr. 8.00 par an (*8.00 fr. 's jaars*) bimensuel, en Russe et Esperanto (*tweemaandelijksch, in Russisch en Esperanto*). D[ro] Ostrovski, à Jalta (Russie).

N. B. — Quelques autres journaux paraissent plus ou moins régulièrement. (*Eenige andere dagbladen verschijnen min of meer regelmatig*).

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio**. Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario S[ro] L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : S[ro] Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj la 2[an] kaj 4[an] sabatojn de ĉiu monato, je la 9[a] horo, vespere.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo : Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo**. Sidejo : Taverne S[t] Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto S[ro] Edm. Vandieren. Sekretario S[ro] Eŭg. Mathys, filo, Aŭgustanstrato, 5[a].
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Fr[ino] Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo**. Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : D[ro] M. Seynaeve, sekretario : S[ro] R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo**. Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : S[ro] A. J. Witteryck, sekretario : S[ro] Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo**. Sidejo : Café du Petit Trianon, b[d] de la Sauvenière, apud la Reĝa Teatro, kunvenoj ĉiulunde kaj ĉiuvendrede je la 8[a] haro. Prezidanto : S[ro] de Troyer, Sekretario : G. Sloutzky, 48, rue des Prébendiers, Liége.

**Esperantista Grupo en Meĥleno**. Prezidanto S[ro] L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Esperantista grupo en Andenno**. Prezidanto : Doktoro Mélin, Sekretario S[ro] Rambeaux, Andenne.

3me Année, N° 34. Juin 1905. | 3a Jaro, 34a Numero. Junio 1905. | 3e Jaar, Nr 34. Juni 1905.




GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

| JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT. |
|---|---|---|
| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0.25 fr. | Unu numero : 0.25 fr. | Het nummer : 0.25 fr. |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## Kongreso en Boulogne-sur-Mer.

La kongresanoj kiuj deziras de nun lui ĉambrojn devas sin turni al Fraŭlino Pannevin, 73, rue des Vieillards, aŭ al Sro Brunet, 5, rue du Bras d'or, Boulogne-sur-Mer. Oni devas tuj sendi, kun la mendo, almenaŭ tri frankojn po ĉiu tago kaj la datojn de alveno kaj foriro.

Ĉiuj kongresaj kunvenoj okazos en la Urba Granda Teatro, kie estos ankoraŭ organizataj Esperanta ekspozicio kaj oficejo pri sciigoj.

La partoprenantoj kiuj sendos 3 frankojn, kiel simpla aliĝo, ricevos karton ; tiuj, kiuj sendos 5 frankojn, ricevos kun la karto, detalajn programojn, ilustritan gvidlibron de Boulogne kun planoj kaj cetere.

Je la fino de Marto, la monofero malfermita de la Meksika Societo por propagandi Esperanton atingis, sumon da 515, 81 frankoj. Tiun sumon niaj Meksikaj samideanoj rikoltis por subteno de la Kongreso. Pri aliaj monoferoj, ni nenion aŭdis.

Originala festo okazos dum la kongreso : multaj fremduloj alvenos kun naciaj aŭ regionaj vestajoj kaj oni organizos balon kiu certe estos tre kurioza kaj povos ricevi grandan sukceson.

Kelkaj koncertoj kaj eble teatraj ludoj estas de nun deciditaj. Ĉiu, kiu povas kanti, deklami aŭ ludi muzikilon, bonvolu sin turni al Sro Paul Boulet, 49, Str. Louis-Duflos en Boulogne-sur-Mer.

Ekskurso en Anglaj kaj Franca havenoj Folkestone, Dover, Deal kaj Calais estos organizata de Vojaĝa Societo per speciala vaporŝipo la 10an de Aŭgusto. La ekskurso daŭros 2 tagojn, sed por tuj lui ŝipon oni devas ricevi, kiel eble plej rapide, certajn aliĝojn. Sin turni al la sekretario de la Grupo.

Multajn proponojn ni jam ricevis pri prezentotaj projektoj. Dro L. Zamenhof skribis al Sro Michaux prezidanto de la Grupo longan leteron kun detalan programan de organizado de Centra Komitato.

La Esperantista grupo de Parizo prezentos projekton pri Tutmonda ligo Esperantista kun Internacia Centra Komitato kaj oficiala organo. La jurnalo « Lingvo Internacia » enhavas tiun projekton (15 aprilo).

« L'Espérantiste » enhavas detale projekton pri Centra Komitato kiu havos nur lingvan rolon. Tiun

projekton alprenis unuvoĉe ĉiuj membroj de la Komitato de la Franca Societo por propagando.

« Tra la Mondo » estas nomo de nova Esperantista revuo, ilustrita, kies unua numero aperos okaze de la Kongreso. La junan revuon direktos Sro Auguste Montrosier.

Sroj Ch. Lambert kaj P. Berthelot intencas fondi grandan propagandan ĵurnalon, parte en Esperanto, parte en lingvo Franca. La formato estos $0^{m}50 \times 0^{m}65$ kaj la titolo : Esperanto. Bela projekto, sed ĉu ĝi estas necesa kaj oportuna ?

Sinjoro Romano Frekel, el Jenisejsk, Siberujo, proponas fondon de « La Mondo Esperanta » granda ĉiusemajna literatura kaj scienca ilustrita revuo kun monata aldono ! La abonkosto estas nur 24 frankoj kaj li antaŭvidas ĉirkaŭ 100.000 abonantojn ! Ni citas tiun projekton, kiel unu el la plej utopiaj inter ĉiuj, kiujn ni ricevis.

La urbanoj de Boulogne-sur-Mer sin preparadas por frate ricevi la fremdajn kongresanojn. La kursoj okazas preskaŭ ĉiutage kaj pli ol 600 lernantoj estas direktitaj de kvar profesoroj.

Baldaŭ Sro Moch eldonos novan gazeton « Espero pacifista » kiu estos organo de la grupo de la Esperantistoj aliĝantaj al la Kongreso par Paco.

Doktoro L. Zamenhof intencas eldoni, kelkajn semajnojn antaŭ la Kongreso, novan libron kiu klarigos multajn punktojn de gramatiko. Titolo de tiu libro, senpacience atendita : Fundamento de Esperanto.

Multajn aliĝojn jam ricevis la prezidanto de la grupo de Boulogne. 172 grupoj kaj societoj Esperantaj estas sendintaj promeson de reprezentontoj. Oni kalkulas ke ĉirkaŭ tri miloj da Esperantistoj alestos al la Kongreso.

Oni esperas ke la ĉefaj ĉiutagaj ĵurnaloj delegos specialan raportiston ; la Antverpena ĵurnalo « La Métropole » delegis Sron De Roy, bone konatan de niaj amikoj. La societo « The Cosmopolitan Correspondence Club » el Milwaukee (Amerikaj Unuigitaj Ŝtatoj) kies grandnombro da membroj estas Esperantistoj, delegis Srojn Beauchemin (Montreal) kaj Jos. Jamin (Bruselo).

« La Revue de l'Esperanto » semajna aldono de la ĵurnalo « Le Cicerone » el Boulogne-sur-Mer, enhavas detale ĉiujn sciigojn pri la estonta Kongreso. La laboro de niaj tieaj samideanoj estas multe pli grava ol oni ĝenerale opinias ; tial ni rekomendas al niaj amikoj, tujan aliĝon kaj sendon de ĝi al la prezidanto, Sro Michaux, 26 rue Wissocq.

## *La voĉdona rajto ĉe la Bulonja Kongreso.*

Rapide alproksimiĝas la tagoj de l'unua Kongreso Esperantista kaj unu el la plej gravaj organizaciaj demandoj kuŝas ankoraŭ en densega mallumo, eĉ ĝi starigos la kongresanojn, se oni ne alprenos tuj certan decidon, antaŭ sensaĝa, ridindega situacio. Mi intencas priparoli la demandon : *kiuj kongresanoj povos voĉdoni ?*

Legante la projekton pri Centra Komitato de Dro Zamenhof, poste ankaŭ tiun de la S. F. P. E., mi kun mirego rimarkis ke tiuj projektoj enhavas artikolojn montrantajn kiuj kongresanoj povos voĉdoni en tiu unua kongreso. Do, nur post la alpreno de unu el la proponataj projektoj, oni konos kiuj kongresanoj havas la rajton voĉdonan : sed kiel oni voĉdonos por la projekto mem, se nur post la voĉdonado kaj alpreno de ĝi, oni konos tiujn kiuj povas voĉdoni ?! Tio estas mallogikaĵo kiun france oni nomas : « *pétition de principe* » kaj kiun mi nomus esperante : « *antaŭuzo de l' pruvoto* »; ĝi konsistas en la certigo kaj uzo, por ion pruvi, de tio kion oni devas pruvi; ĉi tie, estas la alpreno *por* voĉdoni de la rajto kiun oni ricevos nur *post* la voĉdono. Estas tute same kvazaŭ la aŭtoro de tia projekto dirus al la gekongresanoj : « Estimataj samideanoj, volu voĉdoni por mia projekto : tuj kiam vi estos voĉdonintaj por ĝi, *tiam* mi diros al vi kiuj inter vi povas voĉdoni ! »

Nu, se ĉiuj proponataj projektoj prezentus saman manieron voĉdoni, oni povus uzi tian mallogikaĵon, ĉar oni povus, vere mallogike, diri : « Ĉar ĉiuj proponataj projektoj prezentas saman manieron, ni uzu ĝin ĉar ĝi estos certe alprenata ». Sed tio tute ne estas. Ambaŭ jam cititaj projektoj proponas malsaman manieron : laŭ la projekto de Dro Zamenhof, la kongresanoj devus plenumi tri kondiĉojn (inter kiuj unu estas nefacile plenumebla) por ricevi la rajton voĉdonan : el tio sekvus ke nur *parto* de l' kongresanoj povus voĉdoni; laŭ la projekto de la S. F. P. E. (artik. 1), *ĉiuj* kongresanoj voĉdonus. Do, laŭ unu projekto, nur parto de l' kongresanoj kaj, laŭ alia, ĉiuj kongresanoj povus voĉdoni.

Kion do oni faros ? Se oni interkonsentos, ekzemple, uzi la manieron montritan en la projekto de la S. F. P. E. kaj se, per tia maniero, oni akceptos la projekton de Dro Zamenhof, tiam la malkontentuloj diros : « Laŭ la akceptita projekto, *ne ĉiuj* kongresanoj sed *nur parto* da ili povis voĉdoni ; la rezultato de l' voĉdonado ne estas rajta kaj ni devas ĝin rekomenci laŭ la ĵus akceptita maniero de DroZamenhof ». Se, per tiu nova voĉdonado, oni tiam akceptos la projekton de la S. F. P. E., ree la malkontentuloj diros : « Laŭ la projekto nun akceptata, *ne parto* de l' kongresanoj sed *ili ĉiuj* povas voĉdoni : do, la rezultato de tiu dua voĉdonado ne estas rajta kaj ni triafoje voĉdonu.... » k. t. p., k. t. p.

Sed mi parolu serioze. La ĝusta kaj vera flanko de la demando kuŝas ĉi tie : la maniero voĉdoni en nia unua kongreso tute ne devas sin trovi en projekto pri Centra Komitato aŭ pri kio ajn alia, akceptota voĉdone de l' kongreso. Jen estas du nepre malsamaj demandoj, kiujn oni devas solvi per malsamaj rimedoj : la solvo de l'unua demando donos la eblon al la kongreso solvi la duan; se oni intermiksas ilin, oni ekturniĝas en erarigan senfinan rondon. Kial do organizacian regulon de l' kongreso oni enmiksas en projekton pri Centra Komitato ? Stranga mistero. Tio evidente pruvas ke niaj lertaj Esperantistaj estroj pli bone direktas la propagandon ol ili ellaboras leĝajn projektojn : ili vere proponas al la

kongresanoj tre arte kunmetitajn kaj eĉ tre malsimplajn projektojn sed la rimedon por ilin akceptigi ili metas en tute netaŭgan kaj nealireblan lokon. Dum la fama simio de Lafontaine nur forgesis ekbruligi sian magian lanternon, tion certe ili ne forgesis sed, ho ve! la lumigilon ili lokis sub la aparaton!

Ĉar la solvo de la demando pri la voĉdona rajto ne povas evidente dependi de la unua kongreso mem, tial ĝi necese dependas aŭ unuparte de tiuj, kiuj posedas ian aŭtoritaton en nia afero (nune nur D^ro^ Zamenhof) aŭ aliparte de la organizantoj de la kongreso. Laŭ mia opinio, ambaŭ flankoj, tio estas D^ro^ Zamenhof kaj la organizantoj de l' kongreso, devus interkonsenti pri la voĉdona maniero uzota en nia unua kongreso kaj la kongreso devos sendiskute akcepti tiun manieron, ĉar ĝi posedos nenian eblon por ĝin *rajte* aliformigi.

Al ili mi nun proponas la jenan manieron solvi tiun demandon:

« Ĉiu aro da samlandanoj povos komisii plejmulte 20 inter siaj anoj por voĉdoni.

Tamen la landoj, kiuj kalkulas pli ol 20 grupojn esperantistajn, povos komisii tiom da anoj kiom da grupoj ili kalkulas. »

Per nemultaj vortoj mi pravigu tiun proponon: tiamaniere, preskaŭ ĉiuj fremdaj kongresanoj povus voĉdoni (ĉar multe da landoj ne kalkulos 20 kongresanojn) kaj tio estus rajta ĉar ili ĉiuj certe estos tre fervoraj Esperantistoj; aliparte, la francaj Esperantistoj ricevus ĉirkaŭe 70 voĉojn kaj, rilate al la aliaj landoj, tia kvanto da voĉoj certe riprezentus sufiĉe tiun ageman nacion.

Per tia maniero, ĉiuj voĉdonantoj estus seriozaj fervoraj Esperantistoj: tion ankaŭ celas D^ro^ Zamenhof per siaj 3 proponitaj kondiĉoj. Oni ne povus riproĉi poste ke la decidoj de l' kongreso estus ne internaciaj decidoj sed francaj decidoj, kion oni certe farus se al ĉiu kongresano oni donus unu voĉon. Cetere, se oni uzus ĉi tiun lastan manieron, certe multaj fremdaj kongresanoj rifuzus voĉdoni.

Pri la demando ĉu la voĉdonoj, faritaj laŭ mia propono, kunligus la tutan Esperantistaron aŭ ĉu plua voĉdonado de l' forestantoj estus necesa, ankaŭ devus decidi D^ro^ Zamenhof kaj la organizantoj de l' kongreso. Ŝajnas al mi ke tio ne estus necesa se oni uzus voĉdonan metodon, laŭ kiu nur niaj plej fervoraj Esperantistoj povus voĉdoni.

Evidente, en la komenco de l' kongreso, ĉiu lando konigus al la sekretario de l' kongreso la nomojn de siaj voĉdonantoj, kaj tiujn voĉdonantojn D^ro^ Zamenhof kaj la organizantoj devus aprobi.

D^ro^ M. SEYNAEVE.

## *Tra la Mondo Esperantista.*

Multaj projektoj prezentotaj en la baldaŭa Kongreso de Boulogne-sur-Mer jam aperis. Kelkaj el ili celas akcepti, por ĉiuj partoprenantoj, la rajton de voĉdono aŭ personan aŭ per delegacio. Ni opinias ke la demando, tiel difinita, prezentas danĝeron por nia afero.

Ĉiu, kiu aliĝas al la Kongreso ne havas la devon absolutan blinde submetiĝi al la decidaĵoj kiuj elvenos; grandnombro da samideanoj alestos al tiu kunveno, sed multe pli grandnombro ne povos tie ĉeesti. Leĝoj aŭ reguloj ne povas esti imponitaj, nur la decidojn oni povos akcepti kiel proponaĵojn, kiel deziraĵojn. La aliĝantoj ne havante devon, ne povas ricevi rajton, nek voĉdoni, nek proklami ion. Tiel kiel diris S^ro^ de Beaufront en la artikolo « Federo » (L'Espérantiste, majo 1905): « La Kongreso pri nenio povos ligi la forestantojn aŭ niajn Societojn trans la limoj, kiujn ili akceptos ĉu rekte, ĉu per siaj delegitoj havantaj la necesan rajtigon. »

Tial la voĉdonoj de la Kongresanoj ne havos grandan valoron, ĉar nenia delegacio estas serioze organizata kaj ni esperas ke la kunveno, saĝe, ekzamenos nur ĝeneralajn demandojn kiuj estos facile akcepteblaj de ĉiuj. Decidoj ne unuvoĉe akceptotaj estos tre danĝeraj.

### A travers le monde Espérantiste.

Beaucoup de projets qui seront présentés au prochain congrès de Boulogne-sur-Mer ont déjà paru. Quelques-uns d'entre eux tendent à accepter, pour tous les participants, le droit de suffrage, ou individuel, ou par délégation. Nous estimons que la question, ainsi tranchée, présente du danger pour notre cause.

Celui qui adhère au Congrès n'a pas le devoir absolu de se soumettre aveuglément aux décisions qui interviendront; un grand nombre d'Espérantistes assisteront à cette réunion, mais un nombre beaucoup plus grand ne pourra y être. Des lois et des règles ne peuvent être imposées, tout au plus, pourra-t-on accueillir les décisions comme propositions, en guise de vœux.

Les adhérants n'ayant aucun devoir, ne peuvent recevoir le droit ni de voter, ni de proclamer quoi que ce soit. Ainsi que le disait M^r^ de Beaufront dans l'article « Fédération » (l'Espérantiste, mai 1905):

« Le Congrès ne peut sur aucun point engager les absents ou nos Sociétés au delà des limites qu'ils acceptent, soit directement, soit par leurs délégués munis des pouvoirs voulus. »

C'est pourquoi les votes des Congressistes n'auront pas grande valeur, car aucune délégation n'est sérieusement organisée et nous espérons que la réunion, sagement, n'examinera que des questions générales qui peuvent être acceptées facilement par tous. Les décisions qui ne seront pas prises unanimement seront fort dangereuses.

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Veel ontwerpen die op het aanstaande kongres van Boulogne-ter-Zee zullen voorgesteld worden, zijn reeds verschenen. Eenige onder hen schijnen voor alle deelnemers het stemrecht te willen aannemen, elk in 't bijzonder, of bij afvaardiging. Wij achten dat de kwestie, alzoo geschikt, gevaar voor onze zaak oplevert.*

*Deze die zich bij het kongres aansluit heeft den uitsluitelijken plicht niet zich blindelings aan de besluiten die zullen genomen worden, te onderwerpen; een groot getal Esperantisten zal deze vergadering bijwonen, maar een nog grooter getal zal er niet kunnen zijn. Wetten en regels mogen er niet opgelegd worden; ten hoogste zal men de besluiten als voorstellen, bij wijze van wenschen, mogen aannemen.*

*De aanhangers, geenen plicht hebbende, kunnen noch het recht ontvangen van te stemmen, noch iets, wat het ook zij, verkondigen. Zooals M^r^ de Beaufront het zegde in het artikel « Fédération » (l'Espérantiste, Mei 1905):*

*« Het Kongres mag onder geene opzichten de afwezigen of onze maatschappijen overhalen tot over de palen welke zij aannemen, 't zij rechtstreeks, 't zij door hunne afgevaardigden voorzien van de noodige machtiging. »*

*'t Is daarom dat de stemmen der Kongresleden geene groote waarde zullen hebben, want geene enkele afvaardiging is ernstiglijk ingericht en wij hopen dat de vergadering, wijselijk, niets dan algemeene kwestiën, die gemakkelijk door iedereen kunnen aangenomen worden, zal onderzoeken. De besluiten die niet éénparig zullen genomen worden, zullen gevaarlijk wezen.*

Sinjoro L. de Beaufront eldonis du broŝurojn kiuj alkondukas novajn bonajn argumentojn por akcepto de Esperanto. « Structure du Dictionnaire Esperanto », Strukturo de l' vortaro Esperanta estas respondo al ĉiuj, kiuj ĉiam postulas la kialan motivon de l'aferoj ; ĝi estos tre bona aldono al la vortaroj eldonitaj en ĉiuj lingvoj.

La alia broŝuro : « Ĉu la lingvo internacia povas esti la latina ? » estas aparta presaĵo de la artikoloj kiujn Sro de Beaufront skribis por « L'Espérantiste. » Kiel la alia, ĝi enhavas tre detalajn argumentojn kiujn uzos, profiteme, la propagandantoj. Tiuj broŝuroj, ambaŭ, havas tekstojn Francan kaj Esperantan.

Sro Th. Cart publikigas amuzantan kaj tre lertan sceneton, kiun li ofte prezentis dum parolado. « Une heure d'Esperanto » estas presita nur en Franca lingvo sed oni povus facile ĝin reprodukti en ia lingvo : Sro Dupont, skeptikulo, estas organizanta feston kaj ricevas viziton de sia amiko Durand kiu estas Esperantisto kaj pruvas baldaŭ neceson de artefarita lingvo. En la dua parto de la sceneto, alvenas fremdulino kiu sinprezentas por la festo, sed Sro Dupont ne povas ŝin kompremi. Fine, ĉar ŝi parolas Esperante, Sro Durand tradukas tion, kion la fremdulino intencas deklami kaj Sro Dupont, tute konvinkita, tiel ricevis dum kelkaj minutoj, tre bonan lecionon de Esperanto. Tiun broŝuron oni vendas je la profito de la Blinduloj ; ni rekomendas ĝin al la parolantoj, la sceneto ĉiam ricevis grandan sukceson en Francujo. La bela poezio « En sonĝo » traduko de Do Zamenhof, kiun deklamas la fremdulino en la sceneto de Sro Th. Cart, estis muzikigita de Sro L. Rigoir, sekretario de la grupo de l'kantono de Charenton. Ĝi estas aĉetebla je la profito de la blinduloj, vidu prezon kaj adreson en nia rubriko : Esperantaj verkoj.

Nia bona propagandanto en Ĥilio, Sro Luis Enrique Sepulveda Cuadra, eldonis Hispanan broŝureton sub titolo : « Progresos del Idioma internacional » (Progresoj de la idiomo internacia) kiu montras la progresadojn kaj la nunan staton de Esperanto en ĉiuj landoj. Tiu broŝuro multe helpos la propagandon en Ĥilio kaj en landoj kie oni parolas Hispane.

***

La Esperantista Ekspozicio organizita en Alĝer'o sukcesis kaj la gazetoj de la regiono alportas al ni la eĥon de la akcepto, kiun ĝi ricevis en la komercaj centroj de la urbo.

La urbo Alĝer ricevas multajn vizitantojn kiuj ne parolas la Francan lingvon ; ilin nur gvidas en la urbo

---

Mr L. de Beaufront vient d'éditer deux brochures qui introduisent de bons arguments nouveaux pour l'acceptation de l'Esperanto.

« Structure du dictionnaire Esperanto » est une réponse à tous ceux qui réclament le pourquoi des choses ; elle sera un très bon supplément aux dictionnaires édités dans toutes les langues. L'autre brochure « La langue internationale peut-elle être le latin ? » est un tiré à part des articles que Mr de Beaufront a écrits pour L'Espérantiste. Comme l'autre elle contient des arguments très détaillés qu'emploieront avec profit les propagateurs. Ces deux brochures ont des textes français et Esperanto.

Mr Th. Cart publie l'amusante saynète, fort habile, qu'il a souvent présentée en conférenciant : « Une heure d'Esperanto » n'est publiée qu'en français mais on peut aisément la reproduire en n'importe quelle langue : Mr Dupont, un sceptique, est l'organisateur d'une fête et reçoit la visite de son ami Durand, qui est Espérantiste et prouve bientôt la nécessité d'une langue artificielle. Dans la seconde partie de la saynète, arrive une étrangère qui se présente pour la fête, mais que Mr Dupont ne peut comprendre. Finalement. car elle parle Esperanto, Mr Durand traduit tout ce que l'étrangère a l'intention de déclamer et Mr Dupont, entièrement convaincu, reçoit ainsi en quelques minutes, une très bonne leçon d'Esperanto. On vend cette brochure au profit des aveugles ; nous la recommandons aux conférenciers, la saynète a toujours obtenu un grand succès en France. La belle poésie « En sonĝo » traduction du Dr Zamenhof, que récite l'étrangère dans la saynette de Mr Th. Cart, à été mise en musique par Mr L. Rigoir, secrétaire du groupe du canton de Charenton. Elle est aussi vendue au profit des aveugles, voyez prix et adresse sous notre rubrique : Esperantaj verkoj. Notre bon propagateur au Chili, Mr Luis Enrique Sepulveda Cuadra, a édité une brochure espagnole qui montre les progrès et l'état actuel de l'Esperanto dans tous les pays. Cette brochure sera d'un grand secours pour la propagande au Chili et dans les pays où l'on parle espagnol.

***

L'exposition Espérantiste organisée à Alger a réussi et les journaux de la région nous apportent l'écho de l'accueil qu'elle a reçu dans les centres commerciaux de la ville.

Alger reçoit beaucoup de visiteurs qui ne parlent pas le français ; ils ne sont guidés en ville que par les guides d'agence

*Mr L. de Beaufront komt twee boekjes uit te geven die nieuwe goede bewijzen bijbrengen voor de aanneming van het Esperanto.*

*« Vorm van het Esperanto-woordenboek » is een antwoord aan al dezen die den waarom der dingen vragen ; het zal een zeer goed bijvoegsel zijn aan de woordenboeken, uitgegeven in alle talen. Het ander vlugschrift : « Mag de wederlandsche taal het latijn zijn ? » is een afzonderlijke druk van de artikelen welke Mr de Beaufront geschreven heeft voor « l'Espérantiste ». Gelijk het andere, bevat het zeer wijdvoerige bewijzen welke de verspreiders met voordeel zullen aanwenden. Deze twee boekjes hebben teksten in het Fransch en het Esperanto.*

*Mr Th. Cart geeft het vermakelijk tooneeltje uit, dat hij dikwijls voorgesteld heeft in zijne voordrachten : « Een uur Esperanto » is slechts in 't Fransch uitgegeven, maar men kan het gemakkelijk in gelijk welke taal overzetten : Mr Dupont, een twijfelaar, is de inrichter van een feest en ontvangt het bezoek van zijnen vriend Durand, die Esperantist is en welhaast de noodzakelijkheid eener kunstmatige taal bewijst. In het tweede deel van het tooneel, komt eene vreemdelinge, die zich voor het feest aanbiedt, doch welke Mr Dupont niet verstaat. Eindelijk, want zij spreekt Esperanto, vertaalt Mr Durand al wat de vreemdelinge zinnens is te deklameeren, en Mr Dupont, gansch overtuigd, ontvangt alzoo in eenige minuten eene zeer goede les van Esperanto. Men verkoopt dit boekje ten voordeele der blinden ; wij bevelen het aan de voordrachtgevers: het zangspelletje heeft altijd grooten bijval behaald in Frankrijk. Het schoon dichtstukje « En Sonĝo », vertaling van Dr Zamenhof, dat de vreemdelinge opzegt in het stukje van Mr Th. Cart, is op muziek gezet door Mr L. Rigoir, schrijver van de groep van het kanton Charenton. Het wordt ook verkocht ten voordeele der blinden ; zie prijs en t'huiswijs onder onze rubriek : Esperantaj verkoj. Onze goede propagandist in Chili, Mr Luis Enrique Sepulveda Cuadra, heeft een Spaansch boekdeeltje uitgegeven, dat de vorderingen en den tegenwoordigen staat van het Esperanto in alle landen aanwijst. Dit boekje zal van groot nut zijn voor de verspreiding in Chili en in de landen waar men Spaansch spreekt.*

***

*De Esperantische tentoonstelling, ingericht te Algiers, is gelukt en de dagbladen van de streek brengen ons den weerklank van het onthaal dat zij in de handelsmiddens der stad genoten heeft.*

*Algiers ontvangt veel bezoekers die geen Fransch spreken ; zij worden slechts in de stad geleid door de geleiders der agencies, en*

